## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield. |
| Aŭstra: | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | Pierre Pichon, Etriché (Maine et Loire.) |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. Ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1°. 4, a, Barcelona. |
| Hungara: | Bleier Vilmos, Boráros tér 6, IV. 1. Budapest, IX. |

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | Mok. A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig. Poŝtĉekkonto: 202100 |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo. |
| Urugvaja: | Pedro Casas, San José 1123, Montevideo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj negermanaj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 15609.



## Por korekta pago

**estas nepre necese, ke ĉiu atentu la novan kotizon por ĉiuj negermanaj abonantoj!**

## 1 USA-dolaro!

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 5/6
Majo/Junio 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo

ENHAVO: Voĉoj de l' homaro: Julio Baghy pri la homa homo (al nia programo 11) — El la praktiko por la praktiko (al 121) — Eduko kaj „pedaĵo" (kvara letero) (al 131) — Rezulto de enketo pri geometria instruado popollerneja (fino) (al 134) — 5-a kongreso de moraledukado en Parizo 1930 (al 211) — El Informoj pri la Mondsportotago (al 211) — La deligitara kunveno de la Saksa Geinstruista Unuiĝo (al 212) — Pedagogia fakultato en Praha (al 213) — Recenzoj (al 231) — Tria Internacia Pedagogia Ĉe-Kurso en Krakovo (al 24).

## Voĉoj de l' Homaro.

### Julio Baghy pri la homa homo:

„La socio degradis la homon en la Homo. La ido de hundo restas hundo dum sia tuta ekzisto, sed la idon de la Homo oni tuj nomas germano, franco, japano, negro kaj nur poste homo; oni edukas lin katoliko, judo, mahometano kaj nur poste homo; oni distingas lin laboristo, burĝo, aristokrato kaj nur poste homo. Ĉio antaŭe kaj nur poste homo! . . . Jes, mi amas la Homon, ĉar fariĝi Homo estas plejmajeste. Mi amas la Homon, ĉar lia nemezurebla intelekto unuiĝante kun la kreopova amo havos senliman horizonton kaj per tio li faros el la infero de la Hodiaŭo la edenon de la Morgaŭo. Antaŭ mi la Homo estas sankta, sankta, sankta, ĉar mi kredas pri la homa Boneco, mi konscias pri la majesteco de la Laboro kaj mi perokuie vidas la miraklojn de la homa Amo. Unue do la Homo kaj nur poste ĉio alia!"

(El la verko „Hura!" de Baghy, eldonita de Literatura Mondo, Budapest, 1930.)

---

## El la praktiko por la praktiko.

De Walther Hahn, Gohlis-Dresden.

### Paroli!

Pri la metodoj de la Esp.-instruado oni multe parolis dum la lasta tempo. Mi ne volas daŭrigi tiun diskutadon. Kun ĝojo oni povas konstati, ke la nura gramatika metodo, ĉe kiu klarigoj en la gepatra lingvo kaj tradukoj estis preskaŭ la solaj okupadoj, pli kaj pli malaperas el la lernejoj. La „rekta me-

todo“ estas nun la granda modo. Bone! Sed multaj opinias, ke ili jam instruas laŭ la rekta metodo, se ili nur evitas uzi la gepatran lingvon dum la instruado. Tio estas eraro.

„La infanoj parolu!“ Tio estas laŭ mia opinio la unua metodika postulo. Ili parolu esperante jam dum la unua leciono kaj dum ĉiuj sekvantaj. Kiu konsekvence instigas la infanojn esperante paroli, kiu kutimigas la gelernantojn esprimi siajn pensojn per simplaj esperantaj frazoj, tiu certe havos la plej bonan sukceson. Tial ĉiu instrua materio estu tiel preparata kaj aranĝata, ke la infanoj mem havu la deziron: „Tion ni ludu, tion ni prezentu! Ni disdonu la rolojn!“ Lernolibroj estas des pli taŭgaj, ju pli iliaj tekstoj instigas al dialogoj, interparoladoj kaj prezentadoj. La infanoj „efektivigas“ la enhavon de la tekstoj; ili moviĝas, montras objektojn aŭ personojn, faras tion kaj tion; ili kvazaŭ jam „agas esperante“ kaj akompanas la agadon per esperantaj vortoj. Per tio rekta ligo ekzistas inter fakto kaj vorto, inter efektivo kaj parolo; tiuj praktikaj ekzercadoj flankenŝovas la tradukon kaj plej efike helpas al la lasta celo: pensi esperantlingve.

Bonaj tekstoj taŭgaj por prezentado, ludado, dialogoj ktp. ne estas tro multaj. La nova lernolibro de Degen enhavas kelkajn. La instruisto mem devas verki ilin. Estas certe rekomendinde, publikigi ĉi tie tiajn tekstojn, por ke ili povu esti uzataj de la kolegaro. Jen teksto el la lernolibro de Schönherr. Eble kolegoj publikigu aliajn taŭgajn tekstojn.

### Migranto kaj riĉulo.

Riĉega homo loĝadis en bela kaj granda domo. Sed li montris sin malafabla al ĉiu fremdulo, kaj lia koro estis sen kompatemo. Iam venis lacega migranto, kiu ne povis atingi sian celon je la sama vespero. Kore li petis la riĉulon, ke oni permesu al li, restadi dum la nokto en la domo. „Foriru“, kriegis tiu, „ĉu vi opinias, ke mia domo estas gastodomo?“ „Ho“, diris la fremdulo, „mi volas pruvi al vi, ke via loĝejo estas gastodomo; nur respondu al mi tri demandojn! Poste mi foriros.“ „Estu“, respondis la riĉa homo. „Demandu, mi aŭskultos.“ — „Diru al mi, kiu estis antaŭ vi posedanto de tiu ĉi domo?“ — „Mia patro.“ — „Kaj antaŭ via patro?” — „Mia avo kaj mia praavo.” — „Kaj kiu loĝados ĉi tie post via morto?“ — „Mia filo, mi esperas.“ — „Vidu”, diris la fremdulo, „kvar homoj loĝis en via domo, ĉiu nur mallongan tempon. Ĉiu nur estis gasto, kaj laŭ tio via domo do estas gastodomo!“ — La riĉulo, aŭdinte tion, ridetis kaj petis la migranton, ke li eniru en la domon kaj restadu en ĝi kiel gasto.

La gelernantoj tute spontanee deziras, prezenti la enhavon de la rakonto. Iu knabo estas la reĝisoro. Li disdonas la rolojn kaj aranĝas la aferon. (Vi estas la riĉulo. Jen la katedro estas via domo; vi vin klinas el la fenestro. — Vi estas la migranto; jen la liniilo, ĝi estas via bastono. Jen la strato! Nun komencu!) La migranto, iom lama, nun venas kun la bastono kaj haltas antaŭ la domo. Sekvas nun la libera dialogo, lerta aŭ simpla, laŭ la kapableco de la infanoj. („Bonan tagon, sinjoro! Mi migradis la tutan tagon! Kia varmego! Mi ne atingos hodiaŭ la vilaĝon X. Mi kore petas vin, bonvolu permesi, ke mi restu en via domo dum la nokto . . . ktp.“)

Aranĝu kiel eble plej ofte prezentadon de tiaj scenoj. Tio multe pli valoras ol parkera lernado. Vi baldaŭ rimarkos, ke Esperanto estas bona, viva interkomprenilo jam por niaj infanoj.

# Eduko kaj „Pedajo“.

### Kvara letero.

Kara kolegino, kara kolego!

(1) Volonte mi akceptas vian proponon kaj komencas, determini detale diferencon inter eduko kaj „pedajo“. Per tio ni komprenos pli bone unu la alian. Permesu al mi, ke mi provos, solvi mian taskon laŭ la demandaj vortoj: kio, kiel, per kio, kiu, kiam!

(2) Unue mi demandas: Kion volas la klasikaj pedagogoj? — Oni diras: Eduko estas ĝenerala funkcio socia. Socio estas — laŭ vortaro — tuto da homoj, kiuj kunvivadas je komunaj interesoj kaj havas komunajn kutimojn kaj leĝojn. Ĉu ekzistas nur unu aŭ pluraj socioj? Tiu demando ne estas ĝusta; ĉar socio ne estas estaĵo, sed procedo, fakto. Socio ne ekzistas, sed fariĝas. Socio estas la fakto de homa kunvivado.

(3) La formoj de homa kunvivado estas tre diversaj. En egala formo la socia procedo okazas plurfoje sur la tero. Sociologoj trovas ekz. la socian formon de „klano“ ĉe la aŭstralianoj, melanezianoj, indianoj kaj la antikvaj egiptoj. La sociformo „nacio“ estas tre ofta en Eŭropo. La socia procedo, kiun travivas okcident-eŭropanoj modernaj, estas komplektaĵo el multaj sociformoj: familio, gento, nacio; eklezio, civito, ŝtato (imperio), klaso, asocioj.

(4) La strukturo de prasocio estas simpla, la strukturo de moderna socio estas komplikita. Historio montras al ni, ke ankaŭ la edukado en prasocio estas simpla, en komplikita sociformo ĝi estas malsimpla. Estas laŭnature, ke en ĉiu sociformo la pli aĝaj homoj konformigas la junularon al sia vivomaniero. La organizo de eduka procedo estas tamen ne sama ĉie, kvankam eduko estas esence ĉie la sama procedo.

(5) Ni devas diferencigi diversajn ligilojn, kiuj kuntenas socisferon. Kie estas la ligilo sama, tie verŝajne estas egala la organizo de la eduko. Edukado plu teksas la ligilon, kiu daŭrigas la sociformon en la ŝanĝo generacia. Socia ligilo konsistas el kutimoj kaj opinioj. Ĝi anstataŭas aŭ kompletigas la naturan ligilon de sango.

(6) Ekzistas ligoj, de kiuj homo ne povas foriĝi, nome: familio, gento, raso. En historia tempo ĉiu laŭsanga ligo estas penetrata de iu socia ligilo. Jam klano estas tia; klano estas grupo de homoj, kiuj konsideras sin parencoj, sed rekonas tiun parencecon nur per tio, ke ili havas saman „totemon“. Ni nomu tian ligilon „magia opinio“. La anojn de eklezio ankoraŭ nuntempe kunigas magia opinio.

(7) Estas socisfero, al kiu apartenas naskokastoj aŭ ekonomiaj klasoj; ni nomu ilin socitavoloj. Ili ekzistas nur en plurnombro. La ligilo, kiu kuntenas anojn de naskokasto aŭ ekonomia klaso, estas sociaj kutimoj, moroj.

(8) Ekzistas socisfero, kiu unuigas siajn membrojn per ligilo nek natura nek magia, nek laŭmora, sed perforta. Civito, ŝtato, imperio estas formoj de la perforta socisfero. Ĉiu ŝtato enhavas regantojn kaj regatojn.

(9) Krom tio multaj homoj en civilizitaj landoj estas anoj de liberaj asocioj, de societoj por specialaj kulturaj celoj.

(10) En la procedo de moderna socio ĉiuj tiuj sferoj interplektiĝas. La

suba skemo do estas nur abstrakto, ne bildo de reala socio. Do ni ne trovas geometrian cirklon en la naturo, same ni ne trovas abstraktan sociformon en la mondo.

(11) En ĉiu el tiuj socisferoj estas necese, ke okazas edukado aŭ sen aŭ per geedukistoj. „Pedajo" estu io esence alia ol alkutimigo de juna generacio al kutimoj kaj opinioj de pli aĝa generacio. Pri tio mi skribos pli malfrue.

Salutas via Kurt Riedel.




# Rezulto de enketo pri geometria instruado popollerneja en ne-germanlingvaj, precipe eŭropaj landoj.

De Johs. Kurt Haubold, Riesa, Germanlando. (Fino.)

El Danio, Estonio, Francio, Latvio, Litovio, Portugalio, Turkio estas raportite, ke iloj por mezuri la longojn, kiel mezurbendo aŭ kunmetebla mezurilo, ankaŭ estas uzataj de la infanoj. Ni povas interpreti tion kiel signon por tio, ke la instruo ne nur okazas inter la kvar muroj de la lernejĉambro, sed ke ĝi ankaŭ havigas al si siajn materialojn de ekstere, kiel estas necese

por instruo kunigata kun la vivo. Ankoraŭ pli multe tiu ĉi opinio estas akcentata per raporto el Hispanio, laŭ kiu estas ankaŭ uzataj de la infanoj sondilo, nivelilo kaj kompaso.

### 6. La instrua metodo.

La respondado al la demando pri la instrumetodo devas nature havi personan karakteron pli multe ol al aliaj demandoj, ankaŭ tiukaze, kiam la raportinto mem ne akcentas sian propran opinion. La konstatoj en la aliaj partoj grandparte povis esti elprenitaj el la instruplanoj, kontraŭe ili nur escepte diras ion pri la aplikendaj metodoj. Pro tio la karakterizado de la metodo restas intime ligata al la metoda povo, al la didaktika kompreno de la unuopa instruisto, kaj nur el multe pli ampleksa materialo oni povus konkludi ion pri la plej ofte aplikata metodo. Prave portugala kolego skribas, ke la metodo de la geometria instruo — kiel nature de ĉiu instruo — estas ligata al la scienco kaj al la intelekto de la instruisto. La samon oni ankaŭ povas dedukti de la rimarkigo de instruisto el Sovjetunio, sciiganta, ke oni severe postulu la unuigon de la matematikaj fakoj, sed ke la realigo estas por multaj instruistoj tro malfacila. Pro tio oni ankaŭ estas ema, instrui nur la plej ĉefajn problemojn; estas permesate al la instruistaro, forlasi pli malfacilajn problemojn. Ankaŭ la opinio pri tio, kio povas esti deklarata kiel proksima al la vivo, elprenita el la infana sperto, ebla al la observado kaj al la klarigado per la infanoj, devas esti laŭdirite diversa. Kaj ĝi estas ankaŭ diversa. Kiel pruvo por tio estu citata sciigo el Finnlando, laŭ kiu la instruo eliras de observadoj de la infanoj kaj iom post iom malproksimiĝas al tre distancaj objektoj: suno, luno kaj aliaj astroj.

Estas raportite el Bulgario, Estonio, Hungario, Kanado kaj Svedio, ke la instruo eliras de la spertoj kaj travivaĵoj, de la ĉirkaŭo de la infano; en Litovio la instruplano speciale proponas tion. La plano ankaŭ rekomendas al la instruistoj, ke ili praktiku manlaboron, t. e. ke la gelernantoj mem ellaboru geometriajn aĵojn kaj uzu ilin kiel lernilojn. „Sed — la kolego daŭrigas sian sciigon — instruplano kaj metodo dependas de la instruisto. Kvankam ĝenerala opinio estas, ke estas plej bone instrui helpe de manlaborado, ne ĉiuj geinstruistoj laboras tiamaniere en praktiko." Ni trovas en skribaĵo el Nov-Zelando la saman konstaton kaj la pluan aldonon, ke neniam estas uzataj teoriaj pruvoj. Kaj raportintoj el Ĉeĥoslovakio kaj Nederlando akcentas, ke la instruo ĉiam direktas sin al la praktika vivo, ke ĝi ĉiam apogas sin sur la bezonoj de la vivo. Ankaŭ en Anglio oni ignoras la sciencan sistemon. Ke tio ne respondas al ĉies deziro kaj volo, pruvas jena eldiro, citata el letero de kolego. Li skribas: „Miaopinie geometrio devus esti instruata laŭ la sistemo de Eŭklid (kiel en mezlernejoj). Mi favoras lian metodon ortodoksan. Mi estas preskaŭ certa, ke vi volonte koncedos (— li eraras —), ke la ortodoksa metodo estas la plej simpla, plej praktika kaj plej utila." Rilate al tio ni aŭskultas kontraŭan opinion el Polio: „Al ĉiuj konkludoj la lernanto aliros el de fundamento de propraj observoj kaj spertoj. Oni devas pliigi la plej grandan rolon al memaga laboro de lernanto, tiel en preparado de modeloj kiel desegnaĵoj, kiuj devas esti prilaborataj akurate. Helpe de tiaj memage farataj modeloj aŭ objektoj prenataj senpere el ĉirkaŭo, la lernanto ekkonos fundamentajn geometriajn verojn." Li ankoraŭ aldonas, ke la modelo estas

des pli bona, ju pli simpla kaj proksima al la infano, t. e. ju pli konata ĝi estus al la infano. Pro tio ankaŭ memstare faritaj objektoj estas preferindaj. Oni devas konsideri, ke la geometria instruo ĉiam devas esti kunigata kun la tutaĵo de la vivo de la lernanto, kun liaj sentoj, imago kaj travivaĵo.

Specialan pozicion okupas la sovjeta lernejo. Tie la instruo okazas nek laŭ la sistemo de la geometria scienco, nek laŭ la travivaĵoj de la infano, sed laŭ la sistemo de la vivnecesaj interligitecoj formantaj la planojn en la sovjeta lernejo. Antaŭ la 1917-a revolucio oni instruis laŭ la scienca sistemo, t. n. „logikan geometrion". Alia raportinto skribas, ke oni komencas la instruon de ĉiu geometria parto per tasko el la vivo aŭ tekniko, al kiu sekvas iom da eksperimentoj kun „geometria materialo". Fine oni faras la konkludojn, kiuj havas tipon de difino, de regulo. La ĝustecon de la konkludoj oni firmigas per ekzercoj kaj taskoj.

Oni devas supozi, ke en la antaŭe nomitaj landoj estas agate sammaniere, se tio ankaŭ ne estas speciale menciita. Sed ankaŭ raportintoj ankoraŭ el aliaj landoj opiniis tion sufiĉe grava, precipe montri al tio. Ni legas ekzemple el Greklando, ke oni je la fino de la kurso formulas la geometriajn teoremojn. Aŭ el Hispanio: „Oni komencas per observado, analizo kaj komparado de la objektoj ĉirkaŭantaj la infanon, kaj iras de el ili al volumeno, surfaco, linio, punkto." En alia raporto estas dirate, ke la metodo estas laŭleĝe la sama por knaboj kaj knabinoj, sed ĝi estas praktike diferenca por ambaŭ seksoj. „En ĉiuj klasoj la geometrio devas esti instruata laŭ »ĝia tutaĵo«, kvankam ne same disvolvita. Se iu infano ne povas trakuri ĉiujn klasojn, ĝi eliras el la lernejo konante ĉiujn partojn de la geometrio, pli — malpli vaste."

Ankaŭ en Italio la instruo komence devas aliĝi al la travivaĵoj de la infano, poste al praktikaj provoj kaj al la scienca sistemo. La samo estas raportita el Latvio.

La instruo en tiuj ĉi landoj verŝajne apenaŭ okazas ĉie kaj en ĉiuj partoj tiamaniere, kiel la leteroj sciigas. Ankaŭ tie estos ĝuste, kion skribas portugala kolego: „Oni povas instrui laŭ la geometria sistemo aŭ ankaŭ laŭ la travivaĵoj de la infanoj." La saman konstaton ni trovas en po unu raporto el Finnlando kaj el Jugoslavio. En ĝi estas dirite: „Ankaŭ ĉe ni estas la opinioj pri la metodo dividitaj. Sed sub la influo de nova eduka movado, kiu ricevas pli kaj pli da adeptoj ankaŭ en nia lando, precipe en Slovenio (la nordokcidenta parto de Sudslavio), plifortikiĝas la opinio, ke ankaŭ la geometria instruo devas intime rilati al la infano. Kvankam la nuntempa oficiala instruplano ne estas moderna, ĝi kutime ne malhelpas progresemajn instruistojn labori laŭ modernaj principoj; ĉar multaj lernejinspektoroj estas almenaŭ tolerantaj, se ili mem ne apartenas la batalantojn por nova edukado. Ŝajnas, ke baldaŭ venkos la opinio, ke la ĉirkaŭaĵo kaj la travivaĵoj de la infano estas la fonto por la instruado." Estas tre multklarige, ke preskaŭ la sama konstato alvenis el Francio: „La instruado okazas laŭ la sistemo de la geometrio, deirante de la elementaj ideoj (punkto, linio, angulo ktp.), ĝi progresas al la edroj kaj al la korpoj. Plejeble la geinstruistoj kompreneble instruas tiujn ideojn laŭ intuicia metodo. Cetere, ĝeneralmaniere, niaj inspektoroj kaj la instruplano lasas al la instruistoj grandan liberon pri la interpretado de la instruprogramoj kaj uzado de la instrumetodoj. Nur la atingo de la celo estas vere atentata de la estroj." Kaj fine raporto el Danio substrekas, ke la instruisto havas la liberecon rilate al elekto de metodo, sed

aldonante, ke oni ĝenerale instruas laŭ la geometria sistemo. Kelkaj lernolibroj malofte uzataj iomete rilatus al la propraj spertoj de la infanoj kaj proponas oftajn eltranĉajn ekzercojn.

Oni verŝajne ne eraros, supozante, ke tie, kie la instruo estas tute intime kunigata kun la kalkula instruo, oni povos konstati la samon, kio estas raportita el Norvegio. La instruo tie okazas laŭ la progresoj montritaj en la taskaroj. Tiuokaze povas signifi tre malmulte, ke la spertoj de la infanoj kunhelpas „tiom kiel eble".

## 7. La rilatoj al aliaj instrufakoj.

La rezultato de la respondado al tiu ĉi demando estas tre malabunda. Bulgario, Estonio, Grekio, Hispanio, Jugoslavio, Litovio, Nov-Zelando, Norvegio, Polio, Portugalo kaj Svedio limigas sin per la sciigo, ke la geometria instruo rilatas al la fakoj nomitaj en la demando, t. e. al geografio, fiziko, desegno, manlaboro. Tia informo klarigas al ni la staton nur tre, tre malmulte, ankaŭ tiuokaze, se estas aldonite, ekzemple en la raporto el Greklando „treege". Signifas jam pli multe, se hispana kolego rimarkigas, ke la interligado kun aliaj instrufakoj dependas de la instruisto kaj lia metodo, kaj se la portugalo, jam citita de ni kiel kritikema observulo, akcentas, ke tiu ĉi interligado laŭgrade povas okazi laŭ la kompetenteco kaj la pedagogiaj scioj de la instruisto. Certe pro tio ankaŭ la raportinto el Kanado nur kuraĝas aserti, ke ĝi laŭ lia scio estas realigata nur okaze. Certe ne estas tiel, kiel oni devas postuli kaj kiel estas raportite el Italio: „Geometria instruo ĉiam devas servi aliajn instrufakojn, speciale matematikon, desegnon kaj ankaŭ geografion; sed mi pensas, ke tio okazas en ĉiuj landoj; ĉar la instruado ĉiam devas esti ĝenerale frukto de senĉesa komparado kaj aplikado. Ni vivas sur la tero kaj ni devas lerni por vivi sur la tero, ne en la nuboj."

Pli precizaj estas la respondoj el Latvio. Oni tie elĉerpas la geometrian instruon en aritmetiko (kalkulado, grafikaĵo), geografio (globo kaj linioj sur ĝi, desegnado de planoj), fiziko kaj manlaboro. La ministeria instruplano franca montras, ke geometria instruo servas al la fakoj ekzemple supre nomitaj. Laŭ juĝo de la raportinto oni povas diri, ke ĝi estas senkondiĉe kunigata kun desegnado kaj manlaboro. Ĉiuj tri formas nedispartigeblan unuecon. En Hungario kaj Nederlando, kie la instruo nur havas praktikan celon, t. e. tiukaze tutplene servas al la kalkula instruo, ĝi tamen rilatas desegnadon kaj kalkuladon. En Sovjetio la geometriaj scioj estas aplikataj okaze de diversaj temoj de la kompleksa instruo, sed precipe okaze de taskoj havantaj matematikan, fizikan kaj geografian karakteron. Rimarkinda estas ankoraŭ la konstato el Danio: „Kelkloke en la fiziko oni ja uzas geometriajn tezojn. Cetere la geometrio estas bazo precipe por la instruado de la gimnazio, sed nur malmultaj infanoj daŭrigas en tiu ĉi lernejo."

Kaj fine estu aldonata opinio el Ĉeĥoslovakio: „La instruado de geometrio tre malmulte servas aliajn instrufakojn, iomete al manlaboro ĉe knaboj kaj knabinoj; sed laŭ la novaj metodoj oni instruas ankaŭ geometrion kiel la aliajn instrufakojn en reciproka konekso." Kaj la samo estas sciigita el Finnlando: „Precipe nun en nialandaj lernejoj oni penas kiel eble plej servigi inter si (reciproke) ĉiujn instrufakojn."

## 8. Resumo.

Ĝis nun la faktoj cititaj el la respondoj estas ĉefe registritaj, sen fari ilin objektoj de ĝenerala pritrakto. Sed nia laboro nur estus duone farata, se ne estus minimume provate, el tiuj unuaj rezultoj derivi kelkajn ĝeneralajn konsiderojn. Certe, la prilaborita materialo estas kelkspece malkompleta, havas malperfektaĵojn, ĝiaj klarigado kaj interpretado estas ofte karakterizitaj per personaj opinioj. Malgraŭ tio la raporto bezonas resumon, kiu pro tio ankaŭ devos montri grandparte trajtojn de persona opinio.

Okaze de supraĵa superrigardo povus ŝajnigi, ke oni apenaŭ povas dedukti ion ĝeneralan el la abundeco de la respondoj, se ankaŭ estas raportita same aŭ simile el la diversaj landoj al tiu ĉi aŭ tiu demandoj. Estus malfacila tasko, subordi la unuopajn landojn sub ĝeneralaj skemoj kaj tabeloj rilate al la demanditaj punktoj. Tion jam pruvas la provo farita okaze de la respondado al la 1-a kaj 3-a demandoj. Sed malgraŭ tio, ke la tuta materialo ŝajnas ne homogena sekve de la multeco kaj la diverseco de la unuopaj faktoj, tamen miaopinie oni povas dedukti ĝeneralan ideon.

La respondoj montras, ke preskaŭ ĉie ekzistas la intencoj, ankaŭ la geometrian instruon servigi al la tuto de la instruo, reformi ĝin tiamaniere, ke ĝi ne plu estu neorganisma parto de la popollerneja instruo. Ankaŭ en aliaj landoj la geometria instruo ofte estis kaj estas fako multparte apartigata de la alia instrua laboro. Sed oni povas konstati laŭ multe da leteroj, ke ekzistas la evidenta volo, ŝanĝi tiun ĉi staton. La infano devas enkreski en la realecon, en kiu ĝi vivas. Ĝi observas la objektojn, iliajn statojn, iliajn ŝanĝiĝojn, iliajn reciprokajn dependecojn. Okaze de tio aperas demandoj, kiujn ĝi provas respondi laborante. Ĉe tio ĝi konsciiĝas pri origino, laŭceleco, beleco de formo kaj spaco; ĝi lernas ekkoni la reciprokajn dependecon kaj modalecon. La infano devas esti kondukata, ke ĝi vive spertu, konscie vidu la formojn. Ĝi devas provi, ke ĝi perceptu la formojn kontraŭiĝantajn al si en la realeco, devas konsciiĝi pri ilia tutaĵo kaj iliaj partoj. Por tiu ĉi celo ĝi devas observi, taksi, mezuri kaj prikalkuli, kompari, desegni, modeli, dispartigi, kunmeti, plisimpligi, pliriĉigi, kaj transformi, al tio, kion ĝi observis kaj pri kio ĝi konsciiĝis, doni esprimon per parolo, skribaĵo, desegnaĵo, modelo kaj nombro. Per tio la geometria same kiel ĉiu alia instruo plenumas la taskon, eksciti, ekzerci kaj pliintensigi siaparte la impres- kaj esprimkapablecojn de la infano. De tiuj ĉi laboroj nature devenas scio. La infano konsciiĝas pri abstraktaĵoj, reguloj, teoremoj. Ĝi ellaboras al si la „gramatikon de la instrufako“, kiel germana metodulo okaze resume nomis tion. Sed same kiel en nia prilingva instruo ne estas ĉefaĵo, ke la infano sciu la gramatikajn elementojn kaj principojn, sed ke ĝi scipovu uzi kaj apliki ilin, por pli bone percepti lingvan esprimon, por pliriĉigi kaj pliprofundigi, por formi pliklare kaj pliperfekte sian esprimkapablon, tiel ankaŭ la laboro ne estu konsiderata finita, kiam la infano aperceptis la „geometrian gramatikon“. Kontraŭe ĝi kapabligu la infanojn, memstare kaj senerare ekkoni kaj kompari la formajn proporciojn de la ĉirkaŭanta mondo. Tiukaze geometrio en la popollernejo neniam povas esti teoria fako. Per si mem evidentiĝas, ke ĝi estas preparenda instruprincipe dum ĉiuj klasoj kaj en aliaj instru- kaj ekzercfakoj. La apartaj lecionoj, destinitaj por la fako, tiukaze estas rezervataj antaŭ ĉio al

la elfundamenta kaj pliintensiga prilaborado de la ekestiĝintaj taskoj kaj ties solvoj.

Ke ankaŭ en aliaj landoj tiaj opinioj ekzistas pri nia instrufako, ni povas ekkoni en multaj raportoj. En la respondoj al ĉiu el la sep demandoj ni trovas pruvojn por tiu aserto. Do ŝajnas, ke la lernejo tute ĝenerale pli kaj pli atingas tiun ĉi didaktikan juĝon. Sed certe tute ne sufiĉas nur la juĝo. Nun ankaŭ la metodo devas adaptiĝi al ĝi. Ni legis kelkloke, ke en la plej diversaj landoj la instruistoj, pene serĉantaj la ĝustan metodon, ne ĉiam estas majstroj. Tion ankaŭ pruvas la 12 lecionprojektoj kaj -skizoj, kiuj estas alsenditaj al mi el 12 landoj. Estas nenecese, ĉi tie pritrakti ilin detale aŭ ankaŭ publikigi kelkajn el ili. Ĉiuj estas pli aŭ malpli teoriaj, sed la teorio sufokas la propran-volan vivon de la infano. Ekkomenco de ĉiu instruo ne estu la abstraktaĵo, la ideo, la teoremo, sed la vivo, en kiu la infano restadas kaj kiu donas la solvendajn taskojn. Pere de ĝi ni devas atingi la teorion, kiu do estu fino, instrua rezulto.

Certe signifas plimalfaciligon por la instruantoj, ke la instruplanoj de ĉiuj landoj ĉefe elmontras nur la objektojn, la korpojn kaj edrojn, kiuj estu temoj de la instruo. Ĉie estas nomitaj la ebenaj edroj, la sur ili starantaj prismoj (inkluzive de cilindro) la pintaj korpoj (piramido kaj konuso) kaj la sfero. Sed devu ne esti necese, ĉar memkompreneble, nomi ilin en iu plano. Anstataŭ ili estu elmontrataj diversspecaj metodoj de observado kaj prilaboradoj, pritraktendaj rilatoj kaj similaĵoj. Ne objektoj, sed klerigaj taskoj kiel enhavo de la instruplanoj povas kunhelpi al tio, ke pli facile povas sekvi metoda aplikado al didaktika juĝo.

Kaj tio eble signifas plej ĝeneralan sukceson de tiu ĉi artikolo, ke oni ekkonas, ke lernejo kaj instruo en la plej diversaj landoj multparte ne diferenciĝas, kaj ke ĉi tie kaj tie estas donitaj taskoj, kiujn la instruistoj el la plej diversaj popoloj kaj rasoj devas solvi sammaniere, por servi al la klerigo de la homo.

---

## 5-a Kongreso de Moraledukado en Parizo 1930.

La kongreson vizitis 200—300 partoprenantoj venintaj el ĉiuj landoj. La temoj de la tagordo estis jenaj: 1. La utiligado de la historio en rigardo al la moraleduko. 2. La rolo de disciplino kaj aŭtonomio en la moraleduko. 3. La diversaj procedoj de la moraleduko. La kongresanoj ricevis la presitajn raportojn kaj kelkajn de la memorandumoj. La tri raportantoj por la 1-a temo estis Rafael Altamira, de Madrid, Sigurd Host, Oslo, kaj Parodi, Paris.

Altamira bedaŭrinde ne povis partopreni la kongreson. En sia raporto li klopodis prezenti la problemon en ĝia konekso kaj objektive, laŭ scienca vidpunkto. La studon psikologian de la reagoj de la infanoj al okazaĵoj pasintaj li taksas tre grava. La infano devas ekscii samtempe la bonajn kaj la malbonajn agojn de siaj historiaj antaŭuloj. La evoluo de civilizacio kaj kulturo devas esti akcentata, sed oni ankaŭ devas rimarkigi, ke en la homaro, atinginta jam admirindan kulturnivelon, ankaŭ ofte aperas manifestadoj de la primitiva vivo. Instrui plenkreskulojn kaj infanojn estas same grave, por aliigi nian medion, kiu ankoraŭ tiom intense estas saturita de nacionalismo kaj militarismo.

Host akcentis la valoron de la sociala flanko en la historia instruo. Ĝis nun

oni trotaksis la militistajn kaj politikajn agojn, ne estas malbone rekonstrui la ekvilibron. La historio en la lernejo ne perdu sian esencan karakteron; esti la granda epopeo de la homaro. La elekto de la lernlibroj havas specialan gravecon: ili donu viglajn kaj absolute senpartiajn bildojn de la okazintaĵoj.

P a r o d i opinias, ke la historio, kiu estas la kolektiva memoro de la popoloj aŭ de la societoj, pli multe prezentas arton ol sciencon. Ĝia unua fonto estas la patriotismo. Poste ĝi fariĝas scienco kaj meditado kaj klopodas ekscii kaj klarigi la homajn okazintaĵojn. La granda eduka avantaĝo de la historio ĝuste estas: doni al ni perspektivon, rigardi la problemojn de malproksime kaj de alteco. Ĝi montras al ni la kontinuon, la efikon de la homa agado en ĉiuj fakoj. La homo lernas sian situon kaj kutimiĝas ne trotaksi la gravecon de sia persono, de sia patrujo, de sia epoko. La scio pri la pasinteco estos eduka nur, se ĝi estas senpartia kaj ekzakta, ne nur en ĝiaj detaloj sed en la ĝeneralaj trajtoj.

En la diskuto parolis kelkaj eminentaj historiistoj. La ekzakteco estas la moraleco de la historiistoj, diris Glotz, membro de la komisiono por la historia instruo — fondita de la internacia komitato por sciencoj historiaj. Aliaj, baziĝante sur la nepra neceseco de homogeno inter moralo kaj historio, opinias, ke ne povas ekzisti historia scienco sen scienco morala. La moralo, konstante novformata kreaĵo kiel ĉiu homa afero, estas la plej perfekta harmonio inter individuo kaj lia medio kaj laŭ sia maniero prezentas „sciencon de la organizacio“ kaj ne povas malhavi la historion. Oni insistas sur la neceso, ke ĉiu homo akiru historian konscion kiel bazon por la ekkono de sia propra memo. Ne koni la historion, signifas la necesecon denove rekomenci ĝin. La historia scienco superas la infanan kapablon, sed la instruisto scios ĉerpi en la biografio de grandaj homoj, de homaj agoj tion, kio konvenas por la infano. Li ne malatentos, ke la vere granda homo estas tiu, kiu havas profundan ideon pri la homaro; kiu rompis la malvastecon de la individuo kiu sentis senegoisman simpation. La pura objektiveco — diras alia profesoro — estas idealo iom malfidinda. La instruisto ne povas instrui ion ajn, eĉ se ĝi estas vera. La historio, por havi sencon, devas atenti moralajn valorojn, sed ĝi ne celu, trudi al la pasinteco idealon aktualan de la nuna tempo.

La psikologoj estas alvokataj, por ke ili studu la evoluon de la historia sento de la infano kaj konkludu la pedagogiajn konsekvencojn.

La honorinda Frédéric Gould skizas bildon de la historia instruo, kiu traktas la supreniron de la homaro. Per rakontoj, kiuj tuŝas ĝian imagon kaj ĝian koron, al la infano devas esti prezentata: La historio de la venko iom post iom super ĉiujn krudajn fortojn, la historio de la konkirado de la naturo, la historio de industrio, scienco, arto, evoluo de la sociala sento.

Por la praktiko L h é r i t i e r, membro de la internacia komitato de historiaj sciencoj, proponas organizon de internacia kongreso speciale por la historia instruo. Unu el ĝiaj taskoj estus, certigi la kunlaboron de historiistoj kaj pedagogoj, kiu estas nedispensebla, se oni volas akceli la problemon de la reformo de la historia instruo. Tiu kongreso, libera kaj sendependa, povas instali certan labordispartigon inter la organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri la demando.

Du raportantoj havis la komision, prezenti la gravan demandon de la aŭtonomio kaj disciplino, profesoro Peter P e t e r s e n, de la universitato Jena, kaj prof. Helen W o d e h o u s e, de la universitato Bristol. Petersen, pioniro de la „nova pedagogio“, prezentis la modernajn tendencojn, kiuj montriĝas en Germanujo, klarigis la „vivkomunumlernejon“ (Lebengemeinschaftsschule) kaj priskribis kelkajn eksperimentojn en

Germanujo, Anglujo, Danujo kaj Aŭstrio. Ne plu temas pri inokulado de tute preta moralo al la infano. Estas la necesaĵoj de la vivo en la lerneja komunumo, kiuj formas ĝian moralon kaj penetras ĝian karakteron. La devigo ne plu estas pedagogia rimedo, sed la aŭtoritateco daŭras. La instruisto, la gvidanto de la grupo, posedas la aŭtoritaton de la sperto. Li devas esti kapabla instigi la infanojn ke ili donu al si tiajn proprajn leĝojn kaj subiĝu al la plej bonaj el ili, atingante tiel la aŭtonomion.

La raporto de s-ino Wodehouse — kiu mem ne ĉeestis — diras: Se la sola maniero rilate la malgrandan infanon estas decidi por ĝi, la afero fariĝas pli komplika kun la pli granda infano. Antaŭ ĉio estas necese, ke la atmosfero en familio kaj lernejo estu tiu de ama konfido, kie renkontas al la edukisto libervola obeo. Plena simpatio devas ekzisti inter juno kaj maljuno, same sento de harmonio kun la universo. Krome, la problemo ne havas nur unu solvon. Instruisto kaj lernantoj kune serĉos la plej bonan solvon, kiu decidos, ĉu la infano sola devas riski malfacilaĵon, eĉ sub la ebleco erari, aŭ ĉu la infano bezonas la gvidon de pli sperta intelekto aŭ la subtenon de pli firma volo. La transiro de ekstera aŭtoritato al kompleta aŭtonomio okazas iom post iom, sen paŝoj.

La diskuto kondukas al akraj juĝoj. Sir Percy N u n n, reprezentante la anglan ministerion por instruo, atentigas, ke la disciplino ne estas la kontraŭo de la aŭtonomio, sed la devigo estas tiu kontraŭo. Disciplino kaj aŭtonomio estas la du polusoj de unu kaj sama afero. Sen la disciplino la aŭtonomio nur estas ideo sen iu senco. Inter aŭtonomio kaj disciplino onj devas krei kiel eble plej intiman interligon.

S-ro B e r t i e r, direktoro de l' Ecole des Roches dum 31 jaroj kaj ĉefo de la franca skolta movado, baziĝas sur sia duobla sperto. La aŭtoritateco, li diras, devas esti rigardata kiel servo, pli multe ol kiel privilegio, kaj rigardate kiel liberiga kaj malegoisma aktiveco. Ni postulas hodiaŭ, ke la aŭtoritato sin pravigu per sia kompetenteco, per la digno de la vivo kaj preteco al ofero. La libereco, kiun ni volas, estas interna liberigo, kiu propravole sin subigas. Nj povas diferencigi tri fazojn: oni devas; vi devas; ni volas komune. Ni konsentu al la infano iom post iom la maksimumon de liberecoj, sed ili ĉiam devas esti akompanataj de respondecoj kaj celi ĉiuj al la ĝenerala bonfarto.

Pri la tria temo, la diversaj procedoj de la morala eduko, en la programo estis du raportoj, kiuj reprezentis Eŭropon kaj Azion, tiu de P i a g e t, direktoro de Internacia Eduka Oficejo, kaj tiu de Y u s u f A l i, eks-direktoro de mahometana gimnazio en Hindujo. Piaget distingas la klasikan moralpedagogion kaj la pedagogion de la aktiva lernejo (laborlernejo), kiu estis jam priskribita dum la antaŭa vespero de profesoro Petersen. Por la pioniroj de tiu lasta pedagogio la moraleduko ne estas aparta instrufako: „la aktiveco, kiun aplikas la infano en ĉiu instrufako, kondiĉas volstreĉon de la karaktero kaj komplekson de moralaj decidoj, same certan streĉon de la intelekto kaj mobilizadon de certa nombro de interesoj.“ La speciale moralaj agoj estas inspirataj de la nocio de la self-government (sinadministrado, aŭtonomio), kiu en Eŭropo aperis en tre diversaj formoj: Piaget fermas, postulante ke eksperimentaj esploroj pri la diversaj procedoj de moraleduko estu entreprenataj. Ĉiuj efikoj de niaj metodoj sur la spiriton de la infanoj estas preskaŭ tute nekonataj al ni, ĉu ili estas klasikaj aŭ aktivaj.

Yusuf Alj taksas tre grava la influon de la instruisto. En la oriento la personeco de la instruisto estas la esenca elemento de la moraleduko. Li estas la ekbruliganto de la torĉoj. La moraleduko estas arto. Oni devas krei por la junularo bonan ĉirkaŭon, ĉu en la lernejo ĉu

en la familio, kaj trakti ĉiun infanon individua.

F-ino Butts estis preparinta mallongan raporton pri la amerikaj metodoj de la moraleduko kaj tiel kompletigis la laboron de D-ro Rays pri la metodo de Pathfinders of Amerika (skoltoj). Tiu raporto aperos en la venonta n-ro. de la bulteno de IEO.

Ne estas eble, mencii ĉi tie la sennombrajn komunikojn pri spertoj kaj diversaj metodoj de moraleduko, kiuj estis farataj la trian tagon.

Bouglé, prezidanto de la franca Ligo por moraleduko kaj direktoro de l' Ecole normale supérieure en Paris, diris la finparolojn. Kvankam en teoriaj demandoj kelkfoje ekzistis diversaj opinioj, tamen la kongreso vidigis ĝeneralan volon de paco kaj libereco. La idealo por ĉiuj estas la formado de aŭtonomia konscienco en atmosfero de bona volo kaj reciproka instruo. Fine Bouglé rekomendas, ligi la infanon per firmaj ligiloj al la kolektivo, kiu superas nin kaj altenlevas nin. Ni ligu la infanon al la nacio, tio estas tute prave. Sed ni ligu la infanon ankaŭ al la tuta civilizacio. Ĉiu historia instruo sekvigu valorjuĝon. Oni memoras nur tiujn faktojn, kiuj estas taksataj gravaj. Kiel ni nun elektu? Ĉiam en servo de idealo. La personeco de la historiisto devas esti morala, por ke la historia instruo estu morale eduka.

La kongreson partoprenis tre malmultaj junaj homoj. Se ni konsideras la kritikojn, kiujn ni petis de junaj edukistoj, ŝajnas al ni, kvazaŭ volus aperi sur la horizonto nova opinio pri moralo. Sendube la 6-a kongreso devas fosi multe pli profunde, se ĝi havas la ambicion, fari seriozan laboron por la estonteco. Ĉu ne estus utile, uzi la ĉefajn kunsidojn por esplori la moralajn konvinkojn kaj konfuzojn de la junaj edukistoj, kiuj post 4 jaroj havos 25—35 jarojn? La maljunaj aŭskultos; liberaj kaj amikaj diskutoj povus okazi inter la homoj de la pasinteco kaj tiuj de la estonteco.

Tradukis M. Goldberg.

---

# El Informoj pri la „Mondsportotago“.*)

La eduka konsilanto en la Sveda Superlerneja Estraro Alf Hänniger promesis, ke li prezentos la proponon en la lerneja komitato de la Sveda Asocio por la Ligo de la Nacioj.

La ĉefo de la „Informa Oficejo por pacaj demandoj“ en Svedlando, kapitano Brunskog favore rilatas al la propono. Per lia helpo s-ro Blomberg esperas atingi la celon: starigo de Centra Oficejo de la Ligo de la Nacioj por la Mondsportotago.

La estraro de la Sveda Esperantofederacio decidis en kunveno apogi la proponon kaj komisiis al subskribinto doni al s-ro Blomberg ĉian helpon.

La organiza propono estas sendita al I. C. K. kaj al 42 Esperantofederacioj en ĉiuj anguloj de la mondo. El multaj landoj venis favoraj respondoj kaj interesitaj demandoj. Unu lando jam agis: Jugoslavio. La jugoslava facilatletika klubo deklaris sin preta aranĝi la mondsportotagon en sia lando. Honoron kaj

*) Vidu pĝ. 37—45 de IPR. Sur pĝ. 40 oni korektu en Tabelo B supre dekstre 12 per 17 kaj sur pĝ. 42 kompletigu la „Resuman tabelon“ per jena aldono pri aĝoklaso kaj sekso: 8j. -o, (t. e. 8-jara knabo), 9j. -o, 9j. -ino, 10j. -o, 10j. -ino, 11j. -ino, 11j. -o, 12j. -ino, 12j. -o, 13j. -o, 13j. -ino, 14j. -ino, 14j. -o, 15j. -o, 15j. -ino, 16j. -o, 17j. -o, 18j. -o, 19j. -o, 20j. -o, 20j. -ino, 21j. -o, 22j. -o, 23j. -o, 24j. -o, 25j. -o, 26j. -o, 27j. -o, 28j. -o.

Sur pĝ. 34 mankas post la 30-a lineo jeno: li kaj liaj akompanantoj. Ĉu lia nomo same glore estus fluginta per la flugiloj.

dankon al la jugoslavaj samideanoj, kiuj per ago montris, ke ili tute kaj plene komprenas la eksterordinaran gravecon de la propono. En aliaj landoj konataj samideanoj preparas la prezenton de la propono al eminentuloj kaj al oficialaj estraroj.

Samideanoj! Subtenu iamaniere la Mondsportotagon! Konatigu ĝin per vialanda gazetaro! Esperantistoj — instruistoj — sportuloj! Aranĝu la konkursojn kun lerneja klaso aŭ kun gejunula sportasocio! Anoncu plejeble baldaŭ la partoprenon per letero al Centra Oficejo de la Mondsportotago (Codem, Härnösand, Svedlando). Gösta Ahlstrand.

---

## La delegitara kunveno de la Saksa Geinstruista Unuiĝo

(23-an kaj 24-an de Marto) tiujare pritraktis ĉefe du problemojn: La pozicio de la permana instruado en la klerigplano de la popollernejo kaj: La meza klasgrupo en la kontinua lernejsistemo (komparu IPR 1930, n-ro 7, pĝ. 96).

Pri la unua temo paroladis D-ro Rietzschel el Leipzig: Teknika laboro estas korpa kaj intelekta agadoj interinfluaj. Ĝi estas ebla en ĉiuj lernejoj ĉiaorganizitaj; estu celate al certa nombro da laboriloj kaj labormaterialoj; ĉar ili ebligas pli grandan multflankecon de la teknika laboro. La kleriga tasko de la permana instruo, laŭsence ankaŭ aplikenda al ĝardena, mastruma kaj pingla laboroj, sed ne estu plenumata per normalaj kursoj, kiuj devigas al fiksitaj vicoj da objektoj pro la laŭmetia sistemo. La kunveno per decido petis komunumojn, ministerion por popolklerigo kaj parlamenton, progresigi la permanan instruadon per ĉiuj fortoj kaj disponebligi instalaĵojn kaj monrimedojn.

K-go Berger el Nossen pritraktis la duan temon: La celo estas, krei unuecan mezan klasgrupon kiel mezan parton de la kontinua lernejsistemo. Al la sesklasa (aŭ kvarklasa) fundamenta lernejo sekvu la kvarklasa (aŭ sesklasa) meza grupo, kaj al ĝi sekvu estonte tri superaj lernejoj: scienca, ekonomia kaj porarta.

El la ceteraj pritraktitaĵoj estas menciendа decido, laŭ kiu la Saksa Geinstruista Unuiĝo en siaj interrilatoj skribu la komencan literon de ĉiuj vortoj nur per minuskloj kaj ke la Unuiĝo ankaŭ estonte observu la reformon de la ortografio.

J. K. Haubold.

---

## Pedagogia fakultato en Praha.

Ĉeĥoslovaka instruistaro estas ricevanta ĝis nun la profesian preparon grandparte en 4-jaraj porinstruistaj institutoj. La prepara studado por ili okazas en 4-jara burĝa lernejo (t. e. 6-a—9-a lernjaroj de popola lernejo) aŭ en kvar klasoj de lernejo mezgrada. Estas necese tie ĉi rimarkigi, ke preskaŭ unu triono de nia instruistaro havas nuntempe kiel fundamentan klerigon jam tutan mezgradan lernejon (8-klasan gimnazion aŭ 7-klasan realan lernejon) kaj specialan unujaran fakan kurson ĉe menciitaj porinstruistaj institutoj.

Sed la ĉeĥoslovaka instruistaro postulas jam longan tempon la klerigon universitatan. Se pastro, se kuracisto, se eĉ veterinaro estas akademie klerigitaj, se la samon oni komencas postuli eĉ de terkulturistoj, administrantoj de bieno, kiel estus eble, ke ni restu kontentaj kun pli malalta klerigo de instruistoj?

Ĉar la registaro la postulon de l' instruistaro ĝis nun ne estis plenuminta, alpaŝis ĝi mem al efektivigo de tiu postulo. Laŭ la iniciato de profesoroj universitataj D-ro V. Příhoda, D-ro O. Kádner kaj D-ro O. Ĥlup fondis „Unuiĝo de ĉeĥoslovaka instruistaro“ per siaj propraj monkostoj privatan pedagogian fakultaton ĉe la universitato en ĉefurbo Praha. Ĉi tiu fakultato donos al la studentoj,

absolvintaj la mezgradan lernejon fakan teorian kaj praktikan klerigon instruistan kun altlerneja karaktero per dujara studado. La klerigon ricevas la studentoj rekte en la universitato, kie ĉiu aŭskultanto de pedagogia fakultato estas devigata absolvi en kvar semestroj almenaŭ dek semajnajn prelegojn el filozofio kaj el iu fako scienca laŭ sia propra elekto aŭ en pedagogia fakultato, kie ili devas absolvi dum kvar semestroj minimume 14 semajnajn prelegojn el pedagogia studado teoria kaj praktika. Tiu ĉi studado enhavas jenajn fakojn: pedagogian psikologion kaj sociologion, la historion de pedagogio, pedagogian teorion, pedopatologion, eksperimentan didaktikon, lernejorganizadon, didaktikon de komenca klaso, didaktikon de meza kaj supera gradoj de popola lernejo, edukadon korpan kaj muzikan. La praktikaj ekzercoj en la instruado okazas en la popolaj lernejoj en Praha. Ĉiujn prelegojn faras universitataj profesoroj. Kiel fakultatestro estis elektita universitata profesoro D-ro O. Kádner, vicfakultatestro docento D-ro J. V. Klíma.

La instruistoj, absolvintaj la nomitan fakultaton, fariĝos certe pioniroj de novaj vojoj en nia lerneja vivo. Laŭ la deklaro de la urba lernejkonsilantaro la sukcesintoj havos la rajton esti destinitaj kiel instruistoj en la ĉefurbo Praha.

Kiel oni vidas, temas pri afero signifplena. Propradire estis tie ĉi efektivigita la plibonigita propono preparata jam en la ministerio de lernejaferoj kaj de popola klerigo, sed ĝis nun ne realigita. Pedagogia fakultato en Praha estas la unua science organizita provo pri bona solvo de altlerneja klerigo de popollerneja instruistaro. Ankaŭ en la due plej granda urbo de ĉeĥoslovaka respubliko Brno estis fondita simila privata alta lernejo nomata Pedagogia akademio.

Estas certe, ke efektivigi la menciitajn privatajn entreprenojn estis afero tre kuraĝa. Kion aliloke faras la ŝtato, tion ĉe ni devas fari malriĉa instruistaro ne al la propra profito kaj gloro, sed el zorgo pri pli forta gejunularo kaj ĝia pli intensa eduko. Sed nia progresema instruistaro jam alkutimiĝis venki eĉ plej grandajn malhelpojn.

Tuta ĉeĥoslovaka instruistaro estas kontenta pri la rezultoj de sia laboro kaj oferemo. Ni esperas, ke nia memhelpo certe vekos fine la konsciencon de kompetentaj faktoroj kaj devigos ilin al la decida lernejreformo, en kiu la unuan lokon devos trovi la demando pri la instruista klerigo, kiel en la jubilea tago de la deka datreveno de nia respubliko estis konsilanta nia prezidanto T. G. Masaryk.

A. Valoušek, Brno.

---

# Recenzoj.

Jung und Wingen: Das leichte Esperanto, instrulibro por komencantoj, eldonis Heroldo de Esperanto, Köln, 88 pĝ., prezo 1 germ. mark. plus 10% sendkostoj. Laŭ la antaŭparolo ĝi volas esti facila kaj simpla Esperanto-lernolibro. Tia ĝi estas. La ekzercoj montras klare, simple kaj logike la konstruon de nia lingvo. En du rilatoj ĝi ripetas malperfektan manieron de multaj malnovaj lernlibroj:

1. La ekzemploj kaj ekzercaj taskoj ne estas laŭsencaj unuoj, ilia enhavo ofte estas malgrava, parte banala, kelkfoje eĉ sensenca: „Ĉion renovigas la majo. August, wo sind deine Haare? Kiu do rulis la fromaĝon al la stacidomo? Dies ist ein Postamt." (pĝ. 47). Tia enhavo ne kaptos la intereson de la lernanto. Kial la aŭtoroj ne ĉerpis el la riĉaj provizoj de la redaktejo de Heroldo, el romanoj, noveloj, raportoj? Kial ili prezentas grandparte nur dishakitan, mortan frazaron anstataŭ vivoplenan rakonton? Tio ne estu apuda aldono — kiel en tiu lernolibro — sed fundamento esenca, sur kiu baziĝu la lecionoj. Ligita kun tiu nekoncentrigita enhavo estas alia kritikenda maniero de la lernlibro:

2. Ĝi ne montras la kreskon de la parolkapablo de la lernanto. Dum la lecionoj Esperanto ne estas uzata kiel instrulingvo! Anstataŭe ili ĉiam nur enhavas traduktaskojn de plejofte senkoneksaj frazoj. Bonaj ripetoj enestas, sed ili okazas en germana lingvo! Eĉ la lasta leciono (12. Abend) ne aplikas Esperanton por klarigo ankaŭ de facilaj aferoj. Tasko de pedagogo estas, ne nur enkonduki en la gramatikon, sed laŭmetode kreskigi la parolkapablon de la lernantoj. Inter la adresoj de Esperanto-organizoj mankas tiu de S. A. T.

Tolstoj: Kristanismo kaj Patriotismo, tradukis I. Maĉernis, eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Leipzig; 110 paĝoj; prezo 1,20 germ. mark.

„. . . de kristana vidpunkto ni neniel povas allasi militon, ĉar la milito postulas la hommortigon, kaj la kristanismo ne nur malpermesas ĉiun mortigon, sed postulas la bonfaradon al ĉiuj homoj sen diferenco de nacioj, konsiderante ĉiujn kiel fratojn. La kristana ŝtato, komencante militon, devus — por esti konsekvenca — ne nur forigi la krucojn de preĝejoj, la preĝejojn mem ŝanĝi en lokojn por aliaj celoj, al pastraro doni alian oficon kaj ĉefe malpermesi evangelion . .“ Tre meditiga libro, grava por la politika opinio de ĉiu serioza homo, aktuala en nia tempo, kiam la faŝistoj — kristanoj — preparas novajn naciajn militojn. Kion faros la eklezio en la diversaj landoj? Kion ĝi faris dum la mondmilito: preĝi por la beno de la armiloj de sia lando! La opinion de Tolstoj pri patriotismo mem almenaŭ sciu ĉiu Esperantisto.

Selma Lagerlöf: La junulino el Stormyr; tradukis O. Frode; eldonis Eldona Societo Esperanto, Stockholm 1; 94 pĝ.; prezo 1,50 sved. kron.

Eldona Societo Esperanto faris kontrakton kun la fame konata verkistino pri Esperanto-eldono de ŝiaj verkoj. Jen la unua. La fundo de la rakonto ne estas moderna. Sed la kortuŝa sindonemo de Helga ankaŭ en la moderna tempo — por ĉiu tempo — estas brila stelo de homa karaktero. Kiu komencis legi la emocigantan rakonton, ne formetos ĝin antaŭ ĝia finlegado.

La traduko estas klara. Por kelkaj lingvaj malkorektaĵoj ni metas jenajn esprimojn: Sur pĝ. 19, linio 16: antaŭ ŝi; 33,3: virinan ploradon; 34,12; 37,18; 50,2: devas; 41,22: li ne estis sola kun Helga (estas malklara!); 51,16: estis direnda kaj farenda; 60,9: indiferente; 64,20: eldiris; 69,13: ju pli; 70,26: eliris el la veturilo; 81,12: ŝi mem; 84,15: estis ornaminta; 41,4 prezentado de kafo. M. G.

Julio Baghy, Hura! Ne romano, nur grimaco. Budapest 1930. Eldonis: Literatura mondo. 411 paĝoj. Bind. P. 11,20 kaj P. 9,30, broŝ. P. 8,20. La aŭtoro dediĉas la verkon al revantoj pri la nova Homo.

Tiu ampleksa verko estas sociokritiko en stranga kadro de heredaĵa fiŝerco. La trajtoj de la burĝaro aspektas kiel grimacoj sur fono de proletaria revolucio. Baghy montras la burĝaron, kuŝantan surventre antaŭ la mono. Kelkaj romanpersonoj estas vortpentritaj tre vivoplene, ekz. la urbestro, la urba notario Krak, ankaŭ Tamara. La sociokritiko de Baghy nutriĝas ne el politikaj prijuĝoj, sed el nova etiko, laŭ kiu agas Tamara, „la antaŭenĵetita bildo pri la virina tipo de la nova mondo“.

A. Bogdanov, Ruĝa Stelo. Fantazia romano. Kolektive el rusa lingvo tradukita sub redakto de N. Nekrasov kaj S. Rublov. Leipzig 1929. Sennacieca Asocio Tutmonda. 168 paĝoj. Prezo 1.60 RM.

A. Bogdanov († 1928) estis eminenta rusa sociologo, ekonomiisto, medicinisto kaj literaturisto. Lia verko „Ruĝa Stelo“ estas sociokritiko, enkadrigita en priskribo de vivo sur Marso. Estas tre interese, kompari la okcidentan mondkomprenon de Julio Baghy al la orienta mondkompreno de Bogdanov. Al la marsanoj aspektas la nuna kulturnivelo sur Tero simila al la vivado en antikva tem-

po de marsa mondo. La problemoj de privata propraĵo kaj de individualismo ekzistas por marsanoj nur ankoraŭ kiel fazoj de la infanevoluo. Marsanoj direktas siajn fortostreĉojn al konkero de la naturfortoj. Por okcidentulo la pensoj pri kolektiveca kaj individueca mondkomprenoj estas la plej grava kerno de la verko. K. R.

---

# Tria Internacia Pedagogia Kurso de Esperanto gvidota de pastro Andr. Ĉe en Kraków.

El Bulteno n-ro 1.

**Ĝeneralaj informoj.** Kiel sciate la nunjara Internacia Pedagogia Kurso de Esperanto gvidota de pastro Andreo Ĉe okazos antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto en Kraków. La kurso daŭros de la 20 julio ĝis 1 aŭgusto. Partopreni ĝin povos tiel personoj konantaj Esperanton, samkiel tute ne konantaj ĝin. Ĉar la kurso estos „pedagogia", celanta diskonigi mirindan metodon de pastro Ĉe kaj kapabligi por instrui laŭ ĝi Esperanton, plej volonte estos vidataj la profesie instruistaj sferoj kaj personoj instruantaj Esperanton, cetere oni akceptas al la kurso ĉiujn sinanoncintojn.

**Kotizo** por la tuta kurso estas fiksita je 20 zł. Oni sendu ĝin laŭ la adreso de Universala Kongreso de Esperanto indikante la celon.

**Kursejo.** Por la kursejo estas mendita granda prelegejo en Muzeo Industria ĉe la Smoleńsk-strato 9.

**Fervoja rabato kaj pasportoj.** Organiza Komitato de la kurso klopodas, ke la kongresaj favoroj ampleksu ankaŭ la kursanojn. Detaloj baldaŭ sekvos.

**Programo de la kurso.** La lecionoj (aŭ konversaciaj horoj, kiel preferas ilin nomi pastro Ĉe) okazados antaŭtagmeze. Posttagmezoj kaj vesperoj estas destinitaj por diversaj ekskursoj, vizitadoj de la urbo kaj ĝiaj vidindaĵoj kaj diversaj aranĝoj celantaj agrabligi al la kursanoj la restadon en la urbo. Pli precizaj detaloj estos ĝustatempe diskonigitaj.

**Propagando de la kurso.** Oni petas ĉiujn Esperantistojn, kaj speciale la geinstruistojn, ke ili bonvolu disvastigi tiujn ĉi informojn pri la okazonta kurso per la enlanda gazetaro. Aparte atentinda estas la faka ĵurnalaro instruista. Veku inter tiuj sferoj intereson por la bonega metodo. Organiza Komitato.

---

# De la redaktejo.

Rilate al la artikolo „Pereduka enkatenigo de la virinoj en Francujo" skribis leginto el Büron (Svislando) jenon:

„En numero 2/3 de IPR mi legis strangan artikolon pri edukado en Francujo. La artikolo estas nek vera nek justa. Mi estas maljuna instruisto, mi vivis longtempe en katolikaj centroj francaj kaj konas bonege la kutimojn katolikajn, mem ke mia patro estis protestanta. Mi neniam rimarkis similan konduton aŭ aŭdis pri tio. Mi opinias, ke nur malreligiema tendenco kreis tiujn liniojn, kiuj estas por la geinstruistaro katolika pugnofrapo en la vizaĝon."

La artikolo estas konsiderinda kiel sociologia materialo pri reala edukado. La aludo al konduto de kelkaj pastroj mi jam korektis per forlaso de tekstpartoj. Volonte mi aperigos pliajn artikolojn, en kiuj senpartiece estas priskribata reala edukado (t. e. alkutimigo de juna generacio al la kutimoj kaj opinioj de pli aĝa generacio en iu ajn socisfero).

La redaktanto.

---

## La venonta numero aperos la ekon de julio.

---

Konservu ĉi tiun folion,
kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 11.

## A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 166.**
1. Nina Schelomowa 2. instruistino por popolscienco kaj geografio 3. 20-jara 4. a) Ŝ. K. M. b) p/f. Nik Stepnoe c) Minwodskij rajono d) Nord-Kaŭkazio e) Rusujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. junulara movado, literaturo, dramatika arto, edukado kaj instruo, pedologio, vegetarismo.

**N-ro 167.**
1. Bruno Schröter 2. popollerneja instruisto 3. 31-jara 4. a) Lilienstrasse 23 b) Leipzig C. 1 c) Saksujo d) Germanujo 5. gesamideanoj tutmondaj 6. iu ajn temo.

**N-ro 168.**
1. Marjan Tyszkiewicz 2. popollerneja instr. 3. 24-jara 4. b) Jelenie c) Wielun (poŝto Kraszewice) d) Polujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. filozofio, literaturo, lernejaj temoj kaj fotografado 7. interŝanĝas fotojn, naciajn popolkantojn kun muziknotoj, infangazetojn.

**N-ro 169.**
1. Josef Holler 2. instruisto de surdamutuloj 3. 27-jara 4. Vymoluv ústav hluchoněmych Praha XVI 5. ĉiulandaj geinstruistoj, precipe rusaj 6. instruo kaj edukado de surdamutuloj 7. korespondas esperante, ĉeĥe, ruse, germane, angle.

**N-ro 170.**
1. Wilhelm Otto 2. popollerneja instruisto 3. 23-jara 4. a) Annaberger Str. 221b b) Crottendorf c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj el Svedujo, Norvegujo, Rusujo, Japanujo 6. la ideoj kaj problemoj de la popolanimo, animismo, precipe pri „Faust“ de Goethe.

## B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?

5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

**N-ro 114.**
**Germanujo.** 1. Meissen (Saksujo) 2. popollernejo 3. 10 gelernantoj 4. 13-jaraj 5. kolektive aŭ persone per ilustritaj poŝtkartoj kaj leteroj kun ĉiuj landoj 6. ĉiuj temoj 7. Rudolf Pietzsch, instruisto, Rauhentalstr. 7,I, Meissen, Germanujo.

**N-ro 115.**
**Aŭstrujo.** 1. Wien XVI 2. „Wiener Volksheim" 3. 20 gestudentoj (absolvintoj de Ĉe-kurso) 4. ? 5. eksterlandaj samideanoj 6. ĉiuj temoj 7. Esperanta kurso, Wiener Volksheim, XVI, Ludo Hartmannplatz 7, Wien, Aŭstrujo.

**N-ro 116.**
**Rusujo.** 1. Nik-Stepnoe Minwodsk. rajon, Nord-Kaŭkazio 2. lernejo por gejunuloj el kolektivo 3. 25 gelernantoj 4. 13—19-jaraj 5. Germanujo, Svedujo, Norvegujo, Ameriko kaj aliaj landoj 6. junulara movado kaj iu ajn temo 7. instruistino N. Schelomowa, Nik Stepnoe, Minwodsk. rajon, Nord-Kaŭkazio, Rusujo.

**N-ro 117.**
**Germanujo.** 1. Koethen (Anhalt) 2. ? 3. 1 lernanto 4. 17-jara 5. aziaj landoj 6. natursciencoj, ĥemio kaj geografio 7. Heinrich Johannes, Ringstr. 23, Koethen (Anhalt), Germanujo.

**N-ro 118.**
**Anglujo.** 1. Ellesmere Port, Cheshire 2. popollernejo 3. 24 knaboj 4. 11- ĝis 13-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. interŝanĝo de poŝtkartoj kaj leteroj pri iuj ajn temoj 7. instruistino Agnes Hogg, The William Stockton Modern Boys' School Heathfield Rd. Ellesmere Port, Cheshire, Anglujo

**N-ro 119.**
**Germanujo.** 1. Rüssen i. Sa. (Pegau-Land) 2. popollernejo 3. 11 gelernantoj 4. 10—13-jaraj 5. ĉiulandaj samaĝuloj 6. ĉiuj temoj 7. instruisto Walter Augustin, Rüssen i. Sa. (Pegau-Land), Germanujo.

**N-ro 120.**
**Germanujo.** 1. Grossenhain (Saksujo) 2. gelernantoj de Esperanto-kurso popollerneja 3. 5 knaboj kaj 5 knabinoj 4. 13-jaraj 5. alilandaj infanoj (escepte Saksujo) 6. interŝanĝo de il. poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj 7. instruisto Martin Günther, Martin Scheumann-Str. 21, Grossenhain i. Sa., Germanujo.

**N-ro 121.**
**Usono.** 1. Long Beach (Kalifornio) 2. altlernejo (7—9 gradoj)-popollernejo 3. 50 komencantoj 4. 11—13-jaraj 5. gejunuloj ĉiulandaj 6. diversaj temoj 7. instruistino Mazah E. Schulz, 920 New York Street, Long Beach, California.

# C

Skemo ne povas esti starigata, ĉar la deziroj estos tre diversaj. En ĉi tiu rubriko oni anoncu siajn dezirojn, ordigante la sciigojn laŭeble same kiel en skemo A aŭ B.

**N-ro 14.**
1. Ŝhin Hayashi 2. artlernanto 3. ? 4. a) Uzurayama 1508 b) Takatamaĉi, apud Tokio (Japanujo) 5. gesamideanoj germanaj 6. iu ajn temo.

**N-ro 15.**
1. Ĉoji Kubota 2. fotografisto 3. ? 4. a) jamado Mie-ken 63 b) Oozekomaĉi (Japanujo) 5. gesamideanoj germanaj 6. iu ajn temo.

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn bonvolu ilin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

---

**Universala Esperanto-Asocio**

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj etendas trans la limojn de ilia gento aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto", internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj;* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto".

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
**1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)**

# Mankas Esperanto-instruistoj en la lernejoj!

Tial perfektiĝu per Supera Skriba Kurso „ISOSEK". Ĝisfunda metodo!

**Por Germanujo:**
**F. W. Mischke, Radeberg, Sachsen**
**(Del. de UEA.)**

# Atentu!

**Ĉiuj geabonantoj de IPR, kies adreso sur la koverto ne estas en ordo, estas petataj tuj informi la administranton, Kurt Hofmann, Riesa (Germ.), Felgenhauerstr. 63, por ke li povu ordigi la adresaron. Bonvolu skribi tre legeble, plejeble per skribmaŝino aŭ per blokaj literoj!**

# *Bonvolu skribi nur*

*pri aferoj de redakto*
*al la Redaktejo,*

*pri aferoj de abono, anonco kaj mono*
*al la Administranto,*

*pri aferoj de informo*
*al la Sekretariejo,*

*pri aferoj de TAGE-organizo*
*al la Prezidanto!*

# La estonan popolon kaj arton

**konatigas al vi la maja numero de**

## LITERATURA MONDO

**sur 32 paĝoj! Kun multaj ilustraĵoj!**

Mendu ĝin por 0.90 sv. fr. (1.—p.) aŭ egalvaloro ĉe niaj reprezentantoj, ĉe ĉiuj esperantistaj librovendejoj aŭ ĉe la eldonejo de la gazeto, Bleier Vilmos, Hungario, Budapest, IX. Boràros ter 6.
Ni akceptas poŝtmarkojn el eŭropaj landoj aŭ respondkuponojn.

---

Kiu konas la precizajn adresojn de la sekvontaj abonantoj, estas petata, afable sciigi pri tio la administranton:

Lach-Elberfeld (Germ.);

Klimaschewski-Rädtkeim, Ostpr. (Germanujo);

Hagedorn-Blankenese (Germ.);

Gluchowski, Klobka (Polujo).

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.